18-jaro N-ro 3 (194) Marto 1932




PAGU TUJ VIAN KOTIZON 1932 AL VIA GRUPO AŬ AL LA LIGO!

AL LA NE-REPAGINTOJ NI NE PLU SENDOS LA REVUON!

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF (†), J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO

Jara kotizo kun abono: Fr. 30,- — Eksterlando: Belgoj 6,-

ANTVERPENO
1932

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

Fondita en 1905.

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro:**

Prezidanto pro honoro: **A. J. Witteryck**, Steenbrugge.

Prezidanto: Fr. Schoofs, Kl. Hondstr., 11, r. du Petit Chien, Antverpeno.

Vic-prezidantoj: L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.

P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstraat, Bruselo.

Gen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.

Kasisto: M. Jaumotte, Avenuo De Bruyn, 44, Antverpeno-Wilrijck.

Direktoro de la oficiala organo: F. Schoofs.

**Komitato:**

**Konstantaj komitatanoj:** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van der Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj:**

AALST: Sekcio de B.L.E. — M. Van Wanseele.

ANTVERPENO: « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.

BRUGO: Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.

BRUSELO: Esperantista Brusela Grupo. — P. Kempeneers, F-ino Obozinski.

CHARLEROI: Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.

CHENEE: « Grupo Esperantista » — F-ino L. Baiwir.

GENTO: Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.

HASELTO: Haselta Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.

KORTRIJK: Grupo Esperantista.

LIEĜO: « *Lieĝa Soc. por la Propagando de Esperanto* ».

« Grupo Esperantista ». — Fern. Derigat.

LIERO: « Liera Stelo ». — Jos. Leflot.

LOKEREN: « Durma Stelo ». — A. Roels.

LOVENO: Grupo Esperantista. — R. De Keyser.

MEĤLENO: Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.

NIEUWPOORT: Grupo Esperantista. — L. Braet.

SPA: Grupo Esperantista. — J. Desonay.

SCLESSIN-LIEĜO: « Grupo Esperantista ». — René Dechesne.

THIENEN: Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.

VERVIERS: Grupo Esperantista. — Jos. Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Efektivaj membroj: F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.

Anstataŭantoj: Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Kandidatoj al la diplomo bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo:** F. Schoofs, Edg. De Coster.

**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo:** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belga Esperantisto ».

**Poŝtĉeko: 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko: la grupoj volu sendi al nia Generala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, S-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.


## LA XXIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

. Antaŭ unu monato, ni sendis al vi aliĝilon por XXIa Belga Kongreso. **Ĉu vi jam resendis ĝin al ni?**

Al tiu demando multaj devos tuj respondi: ne!

Se al tio, ni aldonas duan demandon: **Kien vi metis la aliĝilon?** multaj devos jam pripensi, kaj ĉu ĉiuj retrovos? Ni pri tio povas dubi.

Kaj tamen **alproksimiĝas Pentekosto,** je kiu ni ĉiuj renkontiĝos en Antverpeno, ĉar vi venos, Karaj Geamikoj, pri tio ni ne dubas.

La Loka Kongresa Komitato nur nenion scias, pri viaj deziroj. Ĝi ne scias, kiu el vi partoprenos en tiu aŭ alia aranĝo.

En ordinaraj cirkonstancoj, tio ja ne gravas. La ĉeestantaro de kongreso estas preskaŭ ĉiam la sama. Oni povas antaŭe kalkuli, kiom da partoprenontoj venos por la diversaj aranĝoj.

Sed nun estas krizo. La kalkuloj estas malfacilaj aŭ fine la supozoj evidentiĝas ne ĝustaj.

Pro tio, karaj membroj de la Belga Samideanaro, la Loka Kongresa Komitato, faras solenan alvokon al ĉiuj, por ke la aliĝiloj alvenu kiel eble plej frue. Ĉu ni vere postulas tro de vi, se ni petas, ke **proksiman semajnon vi anoncu vian venon**. Se vi ĉiuj plenumas tiun vian devon, ni promesas al vi, ke en la estonta numero de Belga Esperantisto, vi trovos plendetalan programon de escepte alloga Kongreso.

Helpu la organizantojn **nun**. La organizantoj helpos vin post kelkaj semajnoj.

Intertempe la Loka Kongresa Komitato decidis je la plialtigo de la kotizo, jam de la 15a de Aprilo anstataŭ la 1a de Majo.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

## LA KASISTO ALVOKAS..!

Jen denove teksto skribita de la Liga Kasisto.

Ho, mi scias, karaj Geamikoj, ili vere ne estas gajaj. Pri kio parolas Kasisto, krom pri ciferoj kaj pagoj?

Kaj ĉu ciferoj estas allogaj kaj ĉu pagoj interesas, kiam ili ne rilatas al la plenigo de propra kaso aŭ poŝo?

Mi kredas tamen ke ili povas interesi Esperantistojn, kiam temas pri la Kaso de ilia Ligo, pri Panjo la Kaso, kiel mi jam diris, por montri ke ĝi indas zorgan flegadon.

Nu, Karaj Geamikoj, speciale en tiu ĉi jaro de krizo, estas la devo de la estraro eviti ĉiujn elspezojn ne nepre necesajn, kaj tial fari antaŭe budĝedon kiel eble plej precizan.

Tio tamen estas malfacila, tiom longtempe, kiom la membroj de Ligo ne pagos siajn kotizaĵojn antaŭ la komenciĝo de la jaro.

Kaj tiurilate la estraroj de grupoj kaj ligoj ĝenerale rajtas plendi. Se kelkaj pagas frue, multaj pagas post la 1-a de Januaro, kaj ni eĉ diros konfidencie, ke je tiu momento, kiam ni skribas unuan de Marto, restas ankoraŭ grupaj membroj kaj izoluloj, kiuj ne faris sian devon.

Ĉu ili estas la plimulto? Feliĉe ne, karaj Geamikoj! Sed en la nunaj cirkonstancoj, ni devas apogi ĉiujn unu al la alia. Ne unu, kiu kapablas, rajtas atendi pli longtempe. Estas ja en ĉiuj rondoj, personoj por kiuj la financa alpago al organizaĵoj, kiujn ili ĝis nun helpis, iĝis malfacila. Ke tiuj do, kiuj feliĉe ne estas en tia situacio, faru sian devon.

Tiu devo estas: **1. Por ĉiuj, pagi sian kotizon. — 2. Por tiuj, kiuj disponas pri iom plia mono, sendi (mal)grandan donacon,** al la Kasisto, kiu antaŭe dankante, subskribas, Maur. JAUMOTTE.

## ĈU ONI DEVAS PAROLI ESPERANTON? (*)

de D-ro P. KEMPENEERS (Bruselo)

— Kial do vi volas, ke mi parolu Esperanton? Je kio tio povas utili al mi?

— Doni al vi la eblecon interrilati kun la tuta mondo...

— Vere ne estis necese, krei novan lingvon por tio; ekzistas lingvoj multe parolataj; kial ne akceptigi unu el ili, la anglan, ekzemple, de internacia komisiono?

— Neniam oni interkonsentus. La nacia memamo de la popoloj estus nevenkebla malhelpo. La malgrandaj landoj certe ne akceptus la lingvon de unu el siaj grandaj najbaraj landoj, sed ĉu vi kredas, ke la angloj akceptus la francan lingvon aŭ la germanan?

— Vi pravas: tia interkonsento estus malfacila...

— Plie, la popolo, kies lingvo estus elektita, gajnus el tio tian politikan kaj komercan profiton ke tia solvo vere ne povas esti konsiderata kiel efektivigebla.

— Turnu vin tiam al la latina lingvo: granda nombro da personoj lernis ĝin: la pastroj, la kuracistoj, la advokatoj, kaj aliaj ankoraŭ; ĝi estas, ankoraŭ

(*) Prelego farita antaŭ la mikrofono de la belga nacia radiofonia instituto, la 1an de aprilo 1931.

nun, la internacia lingvo de la ekleziularo, kaj ĝi estis ankoraŭ antaŭe la internacia lingvo de la sciencaj rondoj.

— Tiu ideo, kiu plaĉas unuavide, ne rezistas al ĝisfunda ekzameno: la latina lingvo estas malfacila — ĉu oni ĝin ne trovas sur la programoj de la ses klasoj de la gimnazioj kaj liceoj? Ĝia gramatiko estas malfacila; ĝia vortaro ne taŭgas por la moderna tekniko en multaj rondoj.

Ne! estas necese elekti, kiel internacian lingvon, iun lingvon kiel eble plej simplan, tiel facile lerneblan de la laboristo kiel de la intelektulo, kies vortaro estas facile lernebla de ĉiu, kiu ajn estu lia patra lingvo.

Esperanto kunigas tiujn kvalitojn: ĝia gramatiko nur enhavas kelkajn regulojn sen esceptoj, kontraŭe al la gramatikoj de preskaŭ ĉiuj naciaj lingvoj.

La vortaro konsistas el radikoj elektitaj inter la plej internaciaj de la hindaj-eŭropaj lingvoj; tiuj radikoj do estas tuj rekonataj de multaj personoj; kelkaj prefiksoj kaj sufiksoj ebligas ŝanĝi ilian signifon, tiel ke la nombro de vortoj, kiujn oni povas formi per tiuj elementoj, estas ja senlima.

Mi ankoraŭ diros al vi, ke ĝia ortografo estas nepre fonetika, ĉiu litero estas ĉiam same elparolata kaj ĉiu sono ĉiam estas reprezentata per la sama litero; vi do nun komprenos, kial Esperanto estas facile lernebla... kaj la praktiko pruvis, ke personoj, kiuj malmulte studis, sukcesas ĝin lerni kaj ĝin taŭge uzi post kelkaj monatoj da lernado. Esperanto-kurso ĝenerale nur enhavas dekon da lecionoj.

— Je kio utilas Esperanton? Ĉu ĝi estas uzata praktike?

— Ekzistas Universala Asocio de Esperanto, kies ĉefa celo estas disvastigi la praktikan uzadon de la lingvo; ĝi havas membrojn en ĉiuj landoj de la mondo kaj delegitojn en preskaŭ 2000 lokoj; tiuj delegitoj havigas al la membroj komercajn sciigojn, turistajn indikojn, helpas ilin dum iliaj vojaĝoj. Multnombraj gvidlibroj, ofte riĉe ilustritaj, estas eldonitaj en Esperanto en ĉiuj landoj kaj estas je nia dispono. La japanaj fervojoj publikigis, antaŭ kelkaj jaroj gvidlibron ilustritan pri Japanujo. La laste eldonita estas belega libro eldonita de la itala « Touring Club ». Ĝi tute similas je la famaj gvidlibroj Baedecker kaj « bluaj gvidlibroj » eldonitaj de Hachette, kaj ĝi priskribas Milano'n kaj la italajn lagojn; ĝi enhavas multnombrajn planojn kaj kartojn. Aliaj similaj libroj estas preparataj.

— Jes, mi akceptas Esperanton kiel specon de kodo, kiu permesas al vi esprimi kelkajn frazojn simplajn kaj ĉiam la samajn, sed neniam artefarita lingvo povos esprimi la delikatajn nuancojn de la homa animo, kiel povas fari la vivantaj lingvoj, kiuj evoluis dum longa uzado.

— De 44 jaroj Esperanto ekzistas, ĝi estas parolata kaj skribata; ĝi jam evoluis kaj ĝi evoluas ankoraŭ ĉiutage. Sed kontraŭe al via opinio, Esperanto estas malpli uzata en komercaj kaj vojaĝaj rilatoj — kie, pro rutino oni pli volonte uzas, bone-malbone, kelkajn naciajn lingvojn multe uzatajn ol en literaturo. Ĝi utilas kiel propagandrimedo je kelkaj idealistaj aŭ relegiaj movadoj, kies adeptoj estas dislokitaj sur la tuta terglobo; sed ĝi estas precipe rimarkinda pro la disvolviĝo de sia literaturo. En multaj landoj, ĝis en Aŭstralio, en Brazilo kaj en Argentino, ekzistas naciaj esperantistaj ĵurnaloj; ekzistas aliaj por internacia disvastiĝo, ĵurnaloj kiuj konigas novaĵojn, kiel la ĉiusemajna HEROLDO DE ESPERANTO, aliaj pri ĝenerala intereso, kiel

ESPERANTO, organo de la U.E.A., pri kiu mi jam parolis al vi; aliaj pri literaturo, kiel LITERATURA MONDO, aliaj nur sciencaj, kiel « INTERNACIA MEDICINA REVUO», kaj multaj aliaj.

Multaj el la libroj publikigitaj en Esperanto estas tradukoj; speciale interesa estas la BELGA ANTOLOGIO, kiu kunigas en du dikaj volumoj la tradukon en Esperanto de elektitaj verkoj de niaj plej bonaj prozverkistoj kaj poetoj francaj kaj flandraj. Tiuj du libroj estas disdonitaj al ĉiu el la 1500 partoprenintoj de la 20a Kongreso Internacia de Esperanto, kiu okazis en Antverpeno, en 1928, kaj ili konigis sur la tuta terglobo la famon de la verkistoj de nia lando.

— Evidente, tio estas bonega nacia propagando!

— Inter la lastaj tradukoj, kiuj aperis, speciale rimarkinda estas tiuj de la fama libro « En Oriento nenio nova » kaj de la fama libro pri la esplorado de Andrée al la Norda Poluso; la traduko en Esperanto aperis samtempe kun la aliaj tradukoj, kaj ĝi estas jam preskaŭ elĉerpita.

— Tio estas certe interesa, sed nur estas tradukoj, estus eble koni tiujn verkojn, legante kiun ajn tradukon, se oni ne povas legi la originalon.

— Kondiĉe, ke ekzistu tradukisto, kaj ke oni povu eldoni lian tradukon. Esperanto jam ludis gravan rolon en tiaj okazoj. Jen kial:

Vi certe memoras pri la emocio, kiun naskis en la tuta mondo, la ekspedicio de la itala generalo NOBILE kaj la kortuŝa savado de la postvivantoj. Inter ili troviĝis ĉeĥa profesoro; ĉiuj Ĉeĥoj deziris legi libron, kiu aperis post kelka tempo, sed en norvega lingvo, kaj priskribis detale ĉiujn okazintaĵojn. Estis do nepre necese traduki la libron en ĉeĥan lingvon sed ne estis eble trovi Ĉeĥon kiu sufiĉe sciis la norvegan lingvon, aŭ Norvegon scianta la ĉeĥan lingvon... Kion fari?... Oni sin turnis al unu el niaj amikoj el Oslo, kiu tradukis la verkon en Esperanton. Tiu teksto estis sendata en Ĉeĥoslovakujo kaj iu ĉeĥa samideano verkis la atenditan libron. La Esperanta teksto utilis eĉ ankoraŭ poste por japana traduko, kiun efektivigis unu el niaj multnombraj adeptoj el Malproksima Oriento.

— Tre strange! Mi neniam estus kredinta, ke Esperanto povus tiel utili!

— Ekzistas eĉ originala literaturo tre abunda. Unu el niaj plej bonaj nunaj romanverkistoj estas Jean FORGE; unu el liaj multnombraj verkoj, skribitaj originale en Esperanto, mi tion rediras, estas eĉ honorita per traduko. Lia romano « Abismoj » estas tradukita en finna kaj en ĥina lingvoj.

— Jen vere pruvo pri originaleco...

— Alia verkisto, hungaro, Julio BAGHY, verkis multnombrajn romanojn kaj poeziojn tre ŝatatajn. Se mi ne timus vin tedi, mi legus al vi kelkajn el liaj versoj.

— Legu do, mi petas...

*Riproĉo*

Vi donis al mi rozon
Sed dornoj pikas min
Rabinte la ripozon
Turmentas vi sen fin'!

Se estus vi doninta
Nur dornojn sen la roz'!
Mi ilin forĵetinte
Ne vivus en ripoz'!

Kaj jen la traduko de tiu ĉi poemo (sekvas la teksto en nacia lingvo).

Kiel vi certe konstatis, Esperanto havas propran ritmon kaj sonorecon. Kaj artisto kiel Julio BAGHY eltiris el tio efektojn tiel diversajn, kiel niaj bonaj poetoj el sia patra lingvo.

— Efektive, tio estas tre interesa kaj la esperantista movado estas inda je atento. La oficialaj rondoj sendube helpas vin?

— Diversfoje la Societo de la Nacioj studis la demandon pri internacia helplingvo. Ĝi publikigis tiurilate raporton favoran al Esperanto; la Telegrafa Internacia Unio akceptis Esperanton kiel klaran lingvon.

Diversaj registaroj voĉdonis monhelpojn por Esperanto, kiun oni instruas en multnombraj lernejoj oficialaj kaj privataj. La registaro de princlando LIHTENSTEJNO publikigis poŝtkartojn kun Esperanto-teksto. Fine dum la Internacia Kongreso de Esperanto, kiu okazis pasintan jaron en Oxford la oficialaj delegitoj de Polujo kaj Hungarujo deklaris, ke tiuj registaroj estis pretaj enkonduki oficiale la instruadon de Esperanto en siaj lernejoj, se nombro sufiĉe granda da registaroj estas preta decidi la samon.

— Tio certe estas tre saĝa decido, kiu alportus definitivan solvon...

— Krom tio, Esperanto estas rekomendita de multnombraj sciencaj institucioj, i.a. la Scienca Akademio de Parizo; de multnombraj komercaj deputitaroj, kiuj organizas la instruadon en siaj lernejoj; de diversaj komercaj foiroj, Parizo, Leipcigo, Lyon, Reichenberg, de aliaj ankoraŭ, kiuj presigas afiŝojn kaj broŝurojn en Esperanto, kaj fine de la Internacia Unio de Radiodisaŭdigo; multnombraj stacioj disaŭdigas esperanto-kursojn, paroladojn aŭ sciigojn esperantlingve.

Tie ĉi eĉ, Radio-Belgique faris, laŭ statistiko kiun mi ĵus preparis 280 disaŭdigojn tiuspecajn.

— Kaj vi opinias, ke oni ilin aŭskultis?

— Nepridiskuteble! Krom la multnombraj personoj, kiuj aŭskultis la lecionojn, disaŭdigitajn en ambaŭ naciaj lingvoj, multnombraj aŭskultintoj eksterlandaj esprimis sian ĝojon aŭdi Radio-Belgique parolanta lingvon kiun ili komprenis... Poŝtkartoj alvenis al ni de tre malproksime, kelkfoje el Latvujo, el Svedujo, Italujo...

— Mi ne supozetis, ke tiu vorto « Esperanto », kiu ridigas la nekompetentulojn, kaj kreas en ilia spirito ideon pri ĵargono nekomprenebla kaj ridinde stranga, vere reprezentas tutan malgrandan popolon, kiu havas sian lingvon, sian ĵurnalaron, sian literaturon, eble eĉ sian flagon... kaj sian idealon. Dankon pro tio, ke vi malfermis al mi la okulojn. Mi tuj ekstudos kaj mi esperas, ke mi povos ankaŭ, post mallonga tempo, profiti la multnombrajn helpojn, kiujn donos al mi la internacia helplingvo « Esperanto ».

— Mi estas tute preta helpi al vi kaj mi deziras al vi plenan sukceson.

Trad. R. BRIHAY.

# 24a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
## PARIZO, 30 Julio --- 6 Aŭgusto 1932

Vidu nian numeron de Februaro 1932.

*Komisionoj de la L.K.K.:* Estis starigitá Komisiono pri Fakaj Kunvenoj: Prez.: Célestin Rousseau, adreso: La Maison de l'Esperanto, 3 boulevard Pasteur, Paris-XV); Sekretario, Maurice Duval.

*Fervojaj Rabatoj:* Al la rabatoj, pri kiuj ni donis detalojn en nia numero de Februaro, estas aldonota jena rabato sur la Francaj Fervojoj: 50 % por ĉiu irkaj revenbileto, por la veturado en Francujo. Ĉar la kongresanoj devas tamen pagi imposton ŝtatan, ĉi tiu rabato estas do efektive 42 ½ %. Ĝi validas de la 25a Julio ĝis la 16a de Aŭgusto.

*Karavanoj:* En diversaj landoj oni organizas karavanojn al la Kongreso, ĝis nun en Belgujo, Britujo, Germanujo, Holando, Italujo, Svedujo. Por Belgujo oni skribu al S-ro Fr. Schoofs, Ĉefdelegito de U.E.A., Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno.

*Fakaj kunvenoj:* Oni jam anoncis kunvenojn de: Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esp., Literatura Mondo, Internacia Soc. de Esper. Juristoj, Blinduloj, Fervojistoj, Radio, Framasonoj, Internacia Scienca Asocio Esperantista, Tutmonda Esper. Kuracista Asocio.

*Blindula kaso:* ricevis ĝis nun Fr. 131,75.

*Subvencioj:* ĝis nun sumas Fr. 1.137,—.

*Garantia kaso:* ĝis nun sumas Fr. 120.000,—.

*Aliĝoj:* La dua listo aperis en la 2a numero de « La Gazeto de la XXIVa »: Belgujo, 15; Ĉeĥoslovakujo, 2; Francujo, 84; Germanujo, 4; Granda Britujo, 16; Hispanujo, 2; Italujo, 3; Nederlando, 2; Polujo, 9; Rumanujo, 1; Svedujo, 3. Entute: 141 kongresanoj el 11 landoj.

# POR LA KASO DE NIA LIGO

Kvara listo:

| | |
|---|---|
| Anonimulo | Fr. 250,— |
| Const. De Wit | » 30,— |
| Morris De Ketelaere | » 100,— |
| | Fr. 380,— |

Ni resumas la rezultaton ĝis nun donitan al la alvoko de la Komitato de Belga Ligo Esperantista por la kaso de nia nacia organizaĵo, recitante la sumojn de la kvar listoj presitaj en « B.E. »: Decembro Fr. 945,—; Januaro Fr. 500,—; Februaro Fr. 596,35. Kun la ĉi-supra cifero la tuta sumo estas do Fr. 2321,35!

Ni nun konsilas al niaj legantoj, ke ili relegu la alvokon de nia kasisto en la Januara numero de nia revuo, ke tiam ili konstatu kun ni, ke *kelkaj* membroj faris sian devon kaj ke *multaj* aliaj devas ĝin ankoraŭ plenumi. Poste ili facile konscios, ĉu ili estas inter la *kelkaj* aŭ inter la *multaj*, kaj certe senprokraste agos laŭ tio.

# SONJO KIEL PROVIDENCO

*Letero de dekjarulino*

de Henry DE FORGE.

Kara Paĉjo,

Mi devas konfidi al vi sekreton, gravan sekreton, kiu iom premas min. Panjo ĉiam instruis al mi, ke mi ĉiam estu sincera kun vi, kaj mi kredas, ke mi pekis, ne estinte tuj sincera.

Ne riproĉu vian Sonjon pro tio, ĉar ŝi agis bonintence, dum ŝi okupis sin pri viaj zorgoj, kiam vi forestis. Vi ja ofte diris, ke via Sonjeto, kiam ŝi estos pli granda, iĝos via kunlaborantino kaj ke vi konigos al ŝi vian laboron. Vi ankaŭ diris: En la vivo oni devas kapabli sin helpi. Pro tio do — en mia infanspirito, kiel vi tiom ofte diras — formiĝis la ideo fari al vi servon, ĵus nun, kiam vi vojaĝas tiel malproksimen.

Mi rimarkis, kiel subite — post ricevo de telegramo, kiu vokis vin al via onklino, grave malsaniĝinte en Toulon, — vi devis forvojaĝi. Rapidege vi preparis vian kofron, helpita de Jozefo, dum Panjo estis tre nervema. Ankaŭ vi estis nervema, sendube pro timo maltrafi vian vagonaron. La tutan tempon vi demandis al Jozefo, ĉu ne alvenis telegramletero. Tiu letero certe estis grava.

Kiam, post via forvojaĝo, Jozefo ricevis la telegramleteron, kiun vi tiel senpacience atendadis, mi ekestis tute senkonsola kaj granda scivolo kaptis min por vidi ĝian enhavon, volinte eviti al vi malagrablaĵojn kaj tuj anstataŭi vin por la respondo.

Mi ja scias, ke ne decas, ke infano kiel mi malfermu leteron. Tial mi estus demandinta al Panjo, sed ŝi diris al mi, ke ŝi nur rehejmiĝos malfrue en la vespero, kaj cetere estis tiel ĝojige por mi, ke mi povos fari al vi servon. Mi ne scias kial, sed ŝajnis al mi, ke mi tiel servis, eĉ tre servis vin.

Tiam, kiam mi estis tutsola, mi malfermis la leteron, kaj kiu estis mia mirego, ekvidinte sur bela, bonodora leterpapero, la rektan manskribon de Sinjorino, kaj leginte, kiel oni diris al vi tutan aron da afablaj vortoj.

En la komenco, mi konsideris iom strange, ke tiu Sinjorino, kiun mi neniam vidis kaj kiu subskribas tian ĉarman nomon « Minou », uzis tonon kvazaŭ ŝi apartenus al nia familio.

Poste mi pripensis, ke knabineto kompreneble ne konas ĉiujn personojn, kiujn vi konas. Kaj vi konas tiom da personoj. Estas ankaŭ tute ne mirige, ke iu tre ŝatas vin. Mi tamen estus ĉagreninta, se tiu Minou estus knabineto kiel mi.

Sed mi ne estas tiel malsaĝa, kaj laŭ diversaj frazkonstruoj kaj al multo alia, mi rimarkis ke tio sendube koncernis jam plenkreskan Sinjorinon, Sinjorinon samaĝan kiel Panjo.

Tiu Sinjorino Minou skribis al vi multon afablan, tutprecipe, ke ŝi ĉiam pensas al vi, ke ŝi atendas vin por refoje fari belan promenadon, kaj ke vi ĉiam, ĉiam pensu al ŝi. Kaj ŝi plie skribis, ke ŝi malkvietiĝus, se vi ne skribus al ŝi, kaj ke vi kiel eble plej baldaŭ respondu.

Kaj ĉu vi scias, kion mi faris, mia kara Paĉjo? Mi skribis al Sinjorino Minou. Feliĉe ŝia adreso estis presita sur la letero. Mi respondis por kvietigi ŝin kaj por ĉion klarigi al ŝi. Tial vi ne devas plu zorgi pri la letero.

Kompreneble, estis tre kuraĝe de mi, skribi al iu, kiun mi ankoraŭ neniam vidis, kaj skribi ekster la scio de Panjo. Sed vi scias, ke dum la lastaj tempoj, Panjo ofte ploras; kaj mi ne scias kial, sed mi timis, ke ŝi malĝojus.

Mi do decidiĝis ankoraŭ la saman vesperon kaj skribis mian leteron. Mi multe pensis, sed mi ja ne estas senmotive la unua en la franca lingvo en la lernejo.

Vere, mi preskaŭ ne timis tiun Sinjorinon Minou. Mi imagis al mi — ĉu ne strange? — ke ŝi certe aspektas tre afable, kaj en mia plej bela skribo, mi redaktis tre afablan leteron. Mi diros al vi, kion mi skribis.

Unue, mi dankis la Sinjorinon pro ŝia aminda letero. Tion mi ja devis, ĉu ne? Tiam mi skribis al ŝi, ke vi tre rapide devis forvojaĝi al Suda Francujo, kie via onklino grave malsaniĝis, kaj ke vi nur revenos post kelkaj tagoj.

Tiam, mi diris al Sinjorino Minou, ke ŝi ne devas atendi vin, kiel ŝajnas laŭ la enhavo de ŝia letero, kaj ke vi certe tre bedaŭrus tion, ĉar estas ja tre ĉagrene, atendi iun, kiu ne venos. —

Poste mi ankoraŭ diris al ŝi, ke ŝi ne devas esti maltrankvila pri vi, ĉar vi estas la plej kara paĉjo en la mondo kaj ankoraŭ neniam kaŭzis penon al iu homo. —

Al ŝia demando pri via bonfarto, mi respondis ke vi malvarmumis, ke Panjo ja zorgas, ke vi vin flegu. Tiam mi aldonis, ke Panjo ankaŭ estas sana kaj ke ŝi estas ekzakte tiel afabla kiel vi. Tion mi tamen povis skribi, ĉar Sinjorino Minou certe estos kontenta pri tio.

Mi finis mian leteron per respektplena saluto tia, kian mi skribas en la bondezirletero al la lernejestrina Moŝto, por ŝia nomfesto. Eble sinjorino Minou estas tre impona sinjorino.

Tiam mi silente kaj kaŝe metis la leteron en la leterkeston, vi scias, la keston apud la frandaĵvendejo, kaj mi kaŝis la telegramleteron. Tio restas nia sekreto, ĉu ne, kara Paĉjo?

Sed tio ne jam estas ĉio, kaj nun la rakonto iĝas vera fabelo: imagu al vi, hieraŭ, dum la foresto de Panjo, servistino, kiun mi ne konas, alportis pupon, flanke de sinjorino, al kiu vi faris grandan servon kaj kiu nun forveturas por longa, malproksima vojaĝo kaj neniam plu revenos.

La servistino nenion alian diris. Mi kuris al la pordo kaj laŭte kriis « La pupo estas de Sinjorino Minou, de Sinjorino Minou! » Jozefo pensis ke mi freneziĝis. Sed la servistino estis jam for.

Nepre certe, mi ne eraras. Ha, la bela pupo! Kiam Panjo venis hejmen, ŝi tre admiris ĝin. Sed ŝi pensis, ke estis jam donaco de konatuloj por la kristnaskfesto, kiu ja estas tre proksima.

Mi tamen estas konvinkita, ke la donaco venas de Sinjorino Minou, kiu estis kontenta pri mia letero.

Jen ĉio, mia kara Paĉjo.

Flegu vin bone, por ke via malvarmumo baldaŭ ĉesu, kaj pardonu vian etan Sonjon, se ŝi agis malsaĝe. La pupo estas tre bela. Mi baptis ĝin « Minou », tion vi ja povas imagi.

Via plej amanta filino,

SONJO.

*Laŭ germana traduko de Will. Simon.* *Tradukis G. Van den Bossche.*

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

KOOPERA SOCIETO

Fondita 1-3-1926 — Belga Ŝtatgazeto 18-3-1926. Akto 253.

## ANTVERPENO

Kleine Hondstraat, 11, Rue du Petit Chien

| Registro de Komerco: | Poŝtĉeko: | Telefono: | Telegrafa adreso: |
|---|---|---|---|
| Antverpeno N° 16337 | N° 1689.58 | N° 943,74 | « Esperanto » |

**KATALOGO DE LIBROJ --- PREZOLISTO** **(MARTO 1932)**

*NOTO. — Pagu ĉiam per poŝtĉeko kaj skribu vian mendon sur la kupono de la pagilo de la ĝirilo. Aldonu 10 % por la sendelspezoj kaj eventuale — laŭdezire — sufiĉon por la rekomendo.*

*Tiu ĉi prezolisto nuligas ĉiujn antaŭe aperintajn.*

**LERNOLIBROJ elementaj:**

| | | |
|---|---|---|
| **Fundamento de Esperanto.** L. L. Zamenhof. Kvinlingva eldono. | Fr. | 10,— |
| Flandra aŭ Franca eldono | » | 5,— |
| **L'Esperanto en dix leçons.** Cart & Pagnier. | » | 5,— |
| **Het Esperanto in tien lessen.** A. J. Witteryck. | » | 3,— |
| **Premier manuel d'Esperanto --** | | |
| **Leerboekje van Esperanto.** F. Schoofs. | » | 0,50 |
| **Esperanto-Manuel,** en 15 leçons. G. Chavet et G. Warnier. | » | 10,— |
| **L'Esperanto sans Maître.** Demarcy. | » | 5,— |
| **Cours élémentaire p^r l'Esp. sans professeur.** Fauvart Bastoul. | » | 3,— |
| **Petit Cours primaire d'Esperanto.** D. Bonnehon & A. Rosiaux | » | 5,— |
| **Corrigé du précédent.** D. Bonnehon & A. Rosiaux. | » | 1,— |
| **L'Esperanto méthodique. Cours complet.** L. C. Deslaurier. | » | 2,50 |
| **Cours Pratique d'Esperanto.** Cours élémentaire et supérieur | » | 12,— |
| **La Juna Esperantisto** *(4 deeltjes).* P. Heilker. | » | 26,50 |
| **Vertalingen der oefeningen uit de 4 deeltjes.** P. Heilker. | » | 5,— |
| **Esperanto in twintig lessen.** A. Blok. | » | 15,50 |
| **Sleutel op het vorige.** A. Blok. | » | 7,50 |
| **Esperanto-Leerboek.** G. H. Benink. | » | 28,— |
| **Vertaalde oefeningen.** G. H. Benink. | » | 14,— |
| **Volksleerboek der Wereldhulptaal** *(met sleutel)* Dr. Uitterdijk | » | 17,50 |
| **Volledig leerboek van het Esperanto.** Dr. Uitterdijk. | » | 17,50 |
| **Esperanto in 10 Unterrichtsstunden.** E. Pfeffer. | » | 2,50 |
| **Erstes Esperanto-Lesebuch.** E. Pfeffer. | » | 2,50 |
| **Einführung in die Esperanto-Konversation.** E. Pfeffer. | » | 2,50 |
| **Kompletny Samouczek jezyka Esperanto.** S. Grenkamp | » | 7,— |
| **La Ĉiutaga Vivo.** Fr. Swagers kaj Ad. Finet. | » | 6,— |

**LERNOLIBROJ perfektigaj:**

| | | |
|---|---|---|
| **Esperanto-Woordenschat.** H. J. Bulthuis & Dr. F. C. Dominicus | » | 17,50 |
| **Esperanto Examen-Opgaven.** J. C. Isbrücker-Dirksen | » | 3,50 |
| **Struikelblokjes.** H. C. Mees. | » | 7,— |

**Cours méthodique d'Esperanto:**

| | | |
|---|---|---|
| **Grammaire complète.** C. Aymonnier. | » | 8,50 |
| **Id. Versions.** C. Aymonnier et Grosjean-Maupin. | » | 8,50 |
| **Id. Thèmes.** C. Aymonnier et Grosjean-Maupin. | » | 8,50 |
| **Grammaire et Syntaxe.** Esselin. | » | 7,— |

## LERNOLIBROJ EN ESPERANTO:

| | | |
|---|---|---|
| **Kursa Lernolibro,** laŭ praktika parola metodo. Edm. Privat. | » | 7,— |
| **Lernolibro por popollernejoj,** laŭ rekta metodo. Art. Degen. | » | 17,50 |
| **Bildotabuloj por la instruado de Esperanto.** Th. Goldschmidt. | » | 30,— |
| **Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esperanto.** Fruictier Grenkamp. | » | 35,— |
| **Tra la Jaro.** Lucy E. Wady. *(kun bildetoj)* | » | 17,50 |
| **Esperanto por Infanoj.** G. G. Solomon. | » | 13,25 |
| **Ilustritaj Rakontetoj.** A. Kenngott. | » | 8,75 |
| **Lingvaj Respondoj.** L. L. Zamenhof. | » | 10,— |
| **Fundamenta Krestomatio.** L. L. Zamenhof. | » | 25,— |
| **Universala Esperanta Lernolibro.** Möbusz. I. 13,50 II. | » | 10,25 |

## VORTAROJ:

| | | |
|---|---|---|
| **Schidlof's Zakwoordenboekje Esp.-Nederl. & Nederl.-Esp.** C. de Veer. | » | 22,50 |
| **Woordenboek Nederlandsch-Esperanto.** Merkurio. | » | 40,— |
| **Dictionnaire Complet** Esperanto-Français. E. Grosjean-Maupin. | » | 17,— |
| **Dictionnaire Complet** Français-Esperanto. E. Grosjean-Maupin. | » | 33,— |
| **Dictionnaire Usuel** Esperanto-Français. E. Grosjean-Maupin. | » | 8,— |
| **Dictionnaire Usuel** Français-Esperanto. E. Grosjean-Maupin. | » | 17,— |
| **Edinburgh Pocket Dictionary.** Esp.-English & English-Esp. | » | 22,— |
| **English-Esperanto Dictionary.** Fulcher and Long. | » | 65,— |
| **Deutsch-Esperanto Wörterbuch.** P. Christaller | » | 85,— |
| **Handwörterbuch Deutsch-Esperanto.** P. Bennemann. | » | 55,— |
| **Handwörterbuch Esperanto-Deutsch.** P. Bennemann. | » | 30,— |
| **Esperanto-Deutsches Handwörterbuch.** K. Minor. | » | 52,50 |
| **Wörterbuch Esperanto-Deutsch.** E. Pfeffer. | » | 2,50 |
| **Wörterbuch Deutsch-Esperanto.** E. Pfeffer. | » | 10,— |
| **Oficiala Klasika Libro de la Akademio.** E. Grosjean-Maupin. | » | 5,— |
| **Vortaro de Esperanto.** Kabe *(Klariga vortaro en Esperanto)* | » | 15,— |
| **Plena Vortaro de Esperanto** *(Klariga vortaro en Esperanto)* | » | 87,50 |
| **Enciklopedia Vortaro.** Esp.-Germana. Wüster. *4 unuaj parto.* | » | 510,— |
| **Komerca Vortaro en Esperanto.** Kreuz & Mazzolini. | » | 17,50 |
| **Kompleta Esperanta Rimvortaro.** Jaumotte. | » | 10,— |
| **Ŝlosilvortoj.** 200 mots-clefs et leur juste emploi. Fauvart-Bastoul. | » | 5,— |
| **Maŝinfaka Esperanto-Vortaro.** E. Wüster. | » | 8,50 |
| **Germana-Esperanto. Konversacia Libro.** Connor. | » | 25,50 |
| **Zamenhof-Radikaro.** Paul Kirschke. | » | 21,25 |
| **Hirts Esperanto-Taschenwörterbuch** Esp.-Deutsch, D.-Esp. | » | 8,50 |
| **Vocabolario Completo Esp.-Italiano.** Ach. Tellini. | » | 15,— |

## KOMERCO, SCIENCO, TEKNIKO:

| | | |
|---|---|---|
| **Commercial Esperanto.** *(W. M. Page)* | » | 17,50 |
| **500 Komercaj Frazoj.** *(R. Kreuz)* | » | 8,75 |
| **Inicado Matematika.** A. Laisant. | » | 5,— |
| **Komerca Vortaro en Esperanto.** Kreuz & Mazzolini. | » | 17,50 |
| **Maŝinfaka Esperanto-Vortaro.** E. Wüster. | » | 8,50 |
| **Monadologio.** Leibniz. *(Boirac)* | » | 2,— |
| **Poliglota Vade-Mecum de Internacia Farmacio.** C. Rousseau. | » | 40,— |
| **Komerca Korespondo.** J. Borel. | » | 2,70 |
| **Nederl.-Esperanto Handelstermen.** J. B. Eiselin. | » | 7,— |
| **Esperanto in Handel und Verkehr.** R. Kreuz. | » | 8,50 |
| **Handelsbrievenboek.** Merkurio. | » | 17,— |
| **Einführung in die Esperanto-Handelskorrespondenz.** E. Pfeffer. | » | 5,— |
| **La Malbonaj flankoj de Sporto.** D-ro J. Vilms. *(J. Vahtkerl)* | » | 0,75 |

## ESPERANTO: LINGVO, HISTORIO, MOVADO:

| | | |
|---|---|---|
| **Initiation à l'Esperanto.** Rollet de l'Isle. | » | 5,- |
| **Inleiding tot Esperanto.** Rollet de l'Isle. *(M. Jaumotte)* | » | 5,— |
| **La Langue Internationale.** — Le Problème et sa Solution (Unuel) | » | 5,— |
| **De Internationale Taal.** — Het Vraagstuk en zijn Oplossing (id.) | » | 5,— |
| **Bibliografio de Internacia Lingvo.** P. E. Stojan. | » | 87,50 |
| **Demandaro pri la Historio de Esp.** R. de Ladevèze. Göhl. | » | 11,— |
| **Historio de Esperanto.** Brüggemann. | » | 11,— |
| **Historio de la Lingvo Esperanto.** Edm. Privat. I. Fr. 21,25. II. | » | 51,— |
| **Hector Hodler: Lia vivo kaj lia verko.** | » | 17,50 |
| **J. Rhodes kaj la Fruaj Tagoj de Esp. en Anglujo.** Merchant. | » | 10,— |
| **Lastaj Tagoj de D-ro Zamenhof.** | » | 2,50 |
| **Vivo de Zamenhof.** Edm. Privat. Fr. 21,50 Ilustrita | » | 30,— |
| **Lingvaj Respondoj.** Zamenhof. | » | 10,— |
| **Originala Verkaro de D-ro Zamenhof.** | » | 85,— |
| **Lingvo, Stilo, Formo.** K. Kalocsay. | » | 21,50 |
| **Völkerbund: Esperanto als internationale Hilfssprache.** | » | 2,25 |
| **Zamenhof's Esperanto Reden.** En Esp. kun germana traduko. | » | 12,— |
| **Pri la Prononcado de Esperanto.** Ludw. Krysta. | » | 3,— |

## ORIGINALA LITERATURO: Prozo.

| | | |
|---|---|---|
| **Abismoj.** Jean Forge. | » | 11,50 |
| **Al Torento.** Stellan Engholm. | » | 15,— |
| **Anni kaj Montmartre.** Raym. Schwartz. | » | 18,— |
| **Dancu Marionetoj.** Julio Baghy. | » | 24,25 |
| **Idoj de Orfeo.** H. J. Bulthuis. | » | 31,50 |
| **Jozef kaj la Edzino de Potifar.** H. J. Bulthuis. | » | 30,— |
| **Juneco kaj Amo.** E. S. Payson. | » | 11,— |
| **Karlo.** E. Privat. | » | 4,50 |
| **Landoj de l'Fantazio.** Teo Jung | » | 30,— |
| **Lilio.** Sinotte. | » | 22,— |
| **Migranta Plumo.** J. Baghy. | » | 20,— |
| **Originala Verkaro.** Zamenhof. | » | 85,— |
| **Por Recenzo!** K. R. C. Sturmer. | » | 13,— |
| **Pro Iŝtar.** Luycken. | » | 34,— |
| **Prozo Ridetanta.** Raymond Schwarz. | » | 20,— |
| **Saltego trans Jarmiloj.** Jean Forge. | » | 20,— |
| **Se Grenereto.** Kenelm Robinson. | » | 50,— |
| **Stranga Heredaĵo.** H. A. Luyken. | » | 25,50 |
| **Tri Angloj Alilande.** J. Merchant. | » | 8,75 |
| **Viktimoj.** J. Baghy. | » | 36,— |
| **Hurah!** J. Baghy. | » | 52,— |
| **La Vila Mano.** H. J. Bulthuis. | » | 38,— |
| **Pro Kio?** Argus. | » | 20,— |
| **La arto de memdisciplino.** Baudouin. | » | 8,50 |
| **Jarmiloj Pasas** *(du volumoj).* H. Haefker. | » | 136,— |
| **Grekaj Papirusoj.** J. Benndorf. | » | 8,50 |
| **Du Rakontoj.** D. de Rothau. | » | 5,— |
| **Urso en montoj.** H. Sentis. | » | 4,— |
| **Kurludo de Toroj.** A. Carles. | » | 2,50 |
| **Sableroj.** Marie Hankel. | » | 2,50 |
| **Printempo en Aŭtuno.** Julio Baghy. | » | 15,75 |
| **Mr. Tot aĉetas mil okulojn.** Jean Forge. | » | 29,— |
| **Kompatinda Klem.** John Merchant. | » | 9,75 |

### Poezio.

| | | |
|---|---|---|
| **La Alta Kanto de la Amo.** Teo Jung. | » | 7,75 |
| **En la Dolomitoj.** A. E. Styler. | » | 2,80 |
| **Eterna Bukedo.** — K. Kalocsay. | » | 80,— |

**Krioj de l'Koro**. S. Grenkamp-Kornfeld. » 2,50
**Pilgrimo**. J. Baghy. » 13,—
**Preter la Vivo**. J. Baghy. » 20,—
**Sonoj novaj kaj malnovaj**. H. Hesse. » 6,—
**Spite la Vivon**. Misu Beraru. » 9,—
**Rimportretoj**. K. Kalocsay. » 21,50
**La Stranga Butiko**. — Raymond Schwarz. » 20,—
**Streĉita Kordo**. K. Kalocsay. » 28,50
**La Tajdo**. N. Hohlov. » 12,50
**Poemaro**. Tiflisano. » 0,50
**Verdkata Testamento**. Raymond Schwarz. » 15,—
**Miniaturoj**. Geoffroy Dabr. Nash. » 15,75

**Teatro.**

**Ginevra**. Ed. Privat. » 2,50
**Ho! Tiuj Fremduloj**. Hiller. » 6,75
**La Morto de la Delegito de U.E.A.** Hohlov. » 3,—
**Tri Monologoj**. Paul Boulet. » 2,—
**Duonsurda**. Roksano. » 2,50
**La Hundo parolanta**. Daniel Eyquem. » 3,50
**La Morgaŭa Virino**. Roksano. » 2,—
**Internacia Teatraĵetaro**. Diverslandaj aŭtoroj. » 8,75
**La Rompantoj**. 5 monologoj. P. Pujula-Valjes. » 8,50
**Une heure d'Esperanto - Een uurtje Esperanto**. T. Cart. » 1,50
**La Servistinoj**. Monologo por Sinjorino. Oscar Van Schoor. » 0,50
**La Telefono**. Monologo por Sinjoro. Oscar Van Schoor. » 0,50
**La Turisto kun la Verda Stelo.** Monologo por Sinjoro. id. » 0,50
**Judaso**. Drama monologo por Sinjoro. Oscar Van Schoor. » 0,50
**Homarisma Laboro.** Kenelm Robinson. » 5,50

**LITERATURO TRADUKITA: Prozo.**

**Aelita**. A. Tolstoj *(E. Pill)* » 30,—
**Akbar**. Brouwer. *(Isbrücker kaj Ziermans)* » 30,—
**Alegorioj el la Naturo**. Gatty *(Gego)* » 4,50
**Almozulino de la Pont des Arts**. Hauff *(Brüggemann)* » 8,75
**Anekdotaro**. Süsser. » 3,—
**La Antikva Romo surmare**. Benito Mussolini. » 17,50
**Aŭstralio. Lando kaj Popolo**. Delsudo kaj Laiho. » 36,—
**Aventuro en la Novjara Nokto**. Zschokke *(Brüggemann)* » 4,50
**Aventuroj de la Kalifo Harun Alraŝid**. Cox. » 2,25
**Aventuroj de Malspertulo**. Reitzel *(Sigel)* » 12,50
**Avila**. » 13,50
**Batalo de l'Vivo**. Dickens *(Zamenhof)* » 8,75
**Batalo pri la Domo Heikkila**. Linnankoski. *(Setälä)* » 13,50
**Bela Joe**. Marsh. Saunders. *(Blaikie kaj Hohlov)* » 30,—
**Belga Antologio**. Du volumoj. *(Jaumotte, Vermuyten, k.a.)* » 40,—
**Bukedo**. Zanoni. » 17,50
**Bulgara Antologio**. *(I. H. Krestanov)* » 27,50
**Bulgara Lando kaj Popolo**. I. H. Krestanov. » 25,—
**Ĉeha Literaturo laŭ la Birdperspektivo**. Novak. *(Krouzil)* » 8,75
**De Apeninoj ĝis Andoj**. Amicis. *(Sastignino)* » 6,—
**La Dormanto Vekiĝas**. H. G. Wells *(A. Milward)* » 30,—
**Du Amatinoj. La Kapricoj de Mariano**. A. de Musset. *(Van Schoor)* » 10,—
**Du Fabeloj**. Fratoj Grimm *(A. Degen)* » 3,—
**Du Majstro-Noveloj**. T. Storm. *(H. Heitmuller)* » 22,50
**El la Mitologio de Antikvaj Popoloj**. Brüggemann. » 6,—
**El la Proksima Oreinto.** I. H. Krestanov. » 14,50
**En Okcidento Nenio Nova**. E. M. Remarque. *(Kvar)* » 45,—
**Esperanta Legolibro**. Migliorini. » 8,75

» » Setälä » 17,50
**Estonta Eduko.** Ad. Ferrière. » 11,—
**Fabeloj de Andersen.** Trad. L. L. Zamenhof. I. Fr. 15,—. II. » 15,—
**Fabeloj de l'Oriento.** E. Pfeffer. » 6,—
**Fabiola.** Kardinalo Wiseman. *(E. Ramo)* » 45,—
**La Faraono.** Prus. *(Kabe)* 3 volumoj. » 52,50
**Fatala Ŝuldo.** L. Dalsace. *(E. Ferter-Cense)* » 17,50
**La Fera Kalkanumo.** Jack London. *(G. Saville)* » 25,—
**La Fina Batalilo.** Wilson-Wilson. *(Butler)* » 4,50
**Formortinta Delsuno.** R. Vermandere. *(O. Van Schoor)* » 10,—
**Fundamenta Krestomatio.** L. L. Zamenhof. » 25,—
**Fundo de l'Mizero.** Sieroszevski *(Kabe)* » 5,—
**Gudrun.** Teo Jung. » 4,50
**La Hantataj Ŝipoj.** A. Cunningham *(Newell kaj Sturmer)* » 4,50
**Ilustritaj Rakontetoj.** Kenngott. » 8,75
**Interesa Novelaro.** Fratoj Fethke » 6,—
**Internacia Dialogaro.** Diverslandaj aŭtoroj. » 8,75
**La Interrompita Kanto.** Orzesko. *(Kabe)* » 5,—
**La Junulino el Stormyr.** Selma Lagerlöf. *(O. Frode)* » 15,—
**Kandid.** Voltaire. *(E. Lanti)* » 17,50
**La Karavano.** Hauff. *(Eggleton)* » 6,—
**La Karto Mistera.** Moffet. *(Payson)* » 4,50
**Klari.** M. Catalany. » 10,—
**Klasika Legolibro.** Em. Robert. » 3,—
**La Konscienco riproĉas.** A. Strindberg. *(G. H. Backman)* » 10,—
**Krucumo.** Adrozdov. *(Hohlov)* » 8,75
**Kvin Noveloj.** Tuglas. *(Seppik)* » 30,—
**La Leono de Flandrujo.** Hendrik Conscience. *(Bulthuis)* » 45,—
**Luno de Izrael.** H. R. Haggard. *(Butler kaj Payson)* » 30,—
**Manon Lescaut.** Prevost. *(Vallienne)* » 13,—
**La Maro.** » 32,50
**Marta.** Orzesko. *(Zamenhof)* » 25,—
**Mimi.** Giesy. *(Payson)* » 4,50
**La Mizantropo.** H. Boucon. » 17,50
**La Mizeruloj.** V. Hugo. 2 vol. » 17,50
**Ok Noveloj.** A. Bennett. » 8,75
**Palaco de Danĝero.** Wagnalls. *(Payson)* » 34,—
**Pinokjo.** C. Collodi. *(M. Marchesi)* » 30,—
**Portreto.** Gogol. *(A. Fiŝer)* » 4,50
**Proverbaro Esperanta.** L. L. Zamenhof. » 10,—
**Proverbs.** Esperanto-English. Zamenhof. *(Butler)* » 13,—
**Prozo el Danaj-Norvegaj Aŭtoroj.** » 6,—
**Rabeno de Baĥaraĥ.** Heine kaj **La Gimnazio.** Alejĥem. *(Zamenhof)* » 10,—
**Robinsono Kruso.** H. J. Bulthuis. » 30,—
**La Rozujo Ĉiumiljara.** Wagnalls *(Payson)* » 8,75
**Ruĝa Floro.** Garŝin. *(Bogusevîĉ)* » 1,—
**Saidjah kaj Adinda.** Multatuli. *(Liem Tjong Hie)* » 11,—
**Sinjoro Vento kaj Sinjorino Pluvo.** Champion. » 6,—
**Sonorilo kaj Kanono.** E. Isac. *(T. Morariu)* » 11,—
**Stranga Idilio.** Bates. *(Harris)* » 4,50
**Tatterley.** Gallon *(Wilson)* » 8,75
**Tra la Mondo.** Legolibro. I. Fr. 12,50. II. » 18,75
**Universala Legolibro.** Fricke. » 11,25
**Unua Legolibro.** Brüggemann. » 4,50
**La Vendetta.** Balzac. *(Merckens)* » 8,75
**Vojaĝo interne de mia Ĉambro.** De Maistre X. *(Meyer)* » 4,50
**Vortoj de Prof. Th. Cart** » 24,—

**La Sankta Biblio.** » 45,—
**Rakontoj al mia Belulino.** J. Bach-Sisley. *(Touchebeuf)* » 8,50
**Inter Blinduloj.** Em. Javal. » 5,—
**La Sendanĝereco de Francujo.** A. Honnorat. » 8,50
**Sur la Feliĉvojo.** E. Bossière. » 8,50
**La mirinda historio de Petro Schlemihl.** A. de Chamisso. *(E. Wüster)* » 7,—
**La nigra Galero.** W. Raabe. » 7,—
**Ses noveloj.** E. A. Poe. *(A. F. Milward)* » 7,—
**Mateo Falcone.** P. Mérimée. » 4,25
**Rikke-Tikke-Tak.** Hendrik Conscience. *(M. Posenaer)* » 15,—
**Niĉjo Mensogulo.** Bratescu. » 4,25
**Per Balono al la Poluso.** *(Stellan Engholm)* » 90,—
**Nobela Peko.** M. Sadoveanu. *(T. Morariu)* » 7,—
**La Vojo Returne.** Er. Remarque. *(J. F. Berger)* » 51,—
**Insulo de Feliĉuloj.** Strindberg. *(Osk. Frode)* » 7,—
**Tridek Jarojn en la Ora Nordo.** Jan Welzl. Moraviaj Esp.-Pioniroj » 35,—
**Kelkaj Floroj** *(Amuzaj tekstoj)* 6 libretoj » 3,—
**Blinda Rozo.** H. Conscience. *(E. Van Melckebeke-Van Hove)* » 5,—
**Ano de l'Ringludo.** D. Ŝimunoviĉ. *(Fran Janjiĉ)* » 7,—
**Barbaraj Prozaĵoj.** Bertrana Prudenci. *(J. Grau Casas)* » 7,—
**El la "Camera Obscura".** Hildebrand. *(H.C. Mees)* » 7,—
**Deklaracio.** T. Ariŝima. *(T. Tooguu)* » 7,—
**Elektitaj Noveloj.** I.S. Turgenev. *(A. Mexin)* » 7,—
**La Firmao de la Kato kiu pilkludas.** H. de Balzac. *(P. Benoît)* » 7,—
**Gajaj Horoj.** *(C. Walter)* » 4,75
**Gajaj Vesperoj.** *(C. Walter)* » 8,50
**Hebreaj Rakontoj.** Ŝalom Aleĥem; Perec. *(I. Muĉnik)* » 7,—
**Hermano kaj Doroteo.** J. W. Goethe. *(B. Küster)* » 7,—
**La Kantistino.** Hauff *(E. Wüster)* » 5,25
**Legendoj.** A. Niemojewski. *(Br. Kühl)* » 7,—
**Unua Legolibro.** *(Kabe)* » 10,50
**Noveloj.** H. Sienkiewicz. *(Lidja Zamenhof)* » 7,—
**Tri Noveloj.** A. Puŝkin. *(A. Fiŝer)* » 7,—
**Nuntempaj Rakontoj.** G.P. Stamatov. *(I.H. Krestanof)* » 7,—
**Orientaj Fabeloj.** Vlas. Doroŝeviĉ. *(N. Hohlov)* » 7,—
**Servokapabla! Marcus Tybout.** G. Eeckhoud. *(L. Bergiers)* » 7,—
**El la "Skizlibro".** I. Washington. *(H. L. Elvin)* » 7,—
**En Svislando.** E. Ramo. » 17,—
**Kataluna Antologio.** *(Jaume Grau Casas)* » 40,—
**Historio de Kristo.** Giovanni Sapini. *(Anonimulo)* » 80,—
**Lando de Arĝenta Akvo.** Virg. E. Roe. *(Edward S. Payson)* » 9,—
**Krestomatio.** *(H. J. Bulthuis)* » 50,—
**La Juna Robinsono.** *(H. J. Bulthuis)* » 8,50

## Poezio kaj Teatro.

**Amfitriono.** Molière. *(Legrand)* » 8,75
**Amo per Proverboj.** » 2,25
**La Amuzistoj.** M. Zamacois. *(W. Van der Biest)* » 8,50
**Barbra.** Jerome K. Jerome. *(F. Hardcastle)* » 8,75
**Boks kaj Koks.** Morton. » 2,25
**Bombasto Furioza.** Rhodes *(Stewart)* » 2,—
**La Botistoj.** Kivi. *(Hall)* » 22,—
**La Antaŭdiro.** Stewart. » 1,75
**Aspazio.** Ŝvjentohovski. *(Leono Zamenhof)* » 11,—
**Aŭtuna Vespero.** Ogrizovic. *(Rotkvic)* » 2,25
**Bietje.** M. Sabbe. *(W. Van der Biest)* » 5,—
**Cindrulino kaj aliaj Teatraĵetoj por infanoj.** Briggs. » 6,50

| | | |
|---|---|---|
| **Dibuk**. Ŝan-ski. *(Lejzerowicz)* | » | 6,— |
| **Du Biletoj**. Florian. *(Bulthuis kaj Touchebeuf)* | » | 2,— |
| **Fianĉiĝo kaj Lea**. Al. Kivi. | » | 14,— |
| **Georgo Dandin**. Molière. *(Zamenhof)* | » | 6,80 |
| **Halka**. Wolki. *(Grabowski)* | » | 8,75 |
| **Hamleto**. Shakespeare. *(Zamenhof)* | » | 10,— |
| **Ifigenio en Taŭrido**. Goethe. *(Zamenhof)* | » | 12,— |
| **Imperiestro kaj Galileano.** Ibsen. *(Bulthuis)* TB. 56,— | » | 50,— |
| **Internacia Teatraĵetaro**. Diversaj aŭtoroj. | » | 8,75 |
| **Jolanto**. Hertz. *(Runeberg)* | » | 8,75 |
| **Kaatje**. Spaak. *(W. Van der Biest)* | » | 12,75 |
| **La Kamena Angulo**. H. T. Craven. *(Gego)* | » | 4,50 |
| **Kara Panjo**. W. Gordon. *(Gego)* | » | 3,— |
| **Kuzeto**. M. Balucki. *(S. Grenkamp)* | » | 2,25 |
| **Lia Lasta Ŝanco**. Gego. | » | 4,50 |
| **La Luksdometo**. Meilhac kaj Halévy. | » | 14,— |
| **La Malŝparulo.** Raimund. *(F. Zwach)* | » | 8,50 |
| **Maria Magdalena.** Hebbel. *(Bischitzky)* | » | 6,75 |
| **Mistero de Doloro**. Gual. *(Pujula y Valles)* | » | 10,50 |
| **Morgaŭ Matene**. Karinthy. *(K. Kalocsay)* | » | 10,— |
| **Morto de Danton**. A. N. Tolstoj. *(Hohlov)* | » | 15,— |
| **Nevo kiel Onklo**. Schiller. *(Stewart)* | » | 3,— |
| **Devo de Reĝo**. Nestor de Tière. *(Am. Van der Biest)* | » | 5,— |
| **La Nova Pandoro**. F-ino Hanbury. | » | 3,— |
| **La Rabistoj**. Schiller. *(Zamenhof)* | » | 15,— |
| **La Reĝo Judea**. *(Devjatnin)* | » | 25,— |
| **La Reĝo Lear**. Shakespeare *(Ashley kaj Curry)* | » | 22,— |
| **La Revizoro**. Gogol. *(Zamenhof)* | » | 12,75 |
| **La Ŝipeto**. J. De Vos. *(A. Van de Velde)* | » | 5,— |
| **Sonĝo de Someromeza Nokto**. Shakespeare. *(Briggs)* | » | 6,75 |
| **Tragedio de l'Homo**. Madach. *(Kalocsay)* | » | 20,— |
| **Urbestro de Zalamea**. Calderon de la Barca. *(Legrand)* | » | 13,— |
| **La Venecia Komercisto**. Shakespeare. *(Wackrill)* | » | 8,75 |
| **La Barbiro de Sevilla**. Beaumarchais. | » | 5,— |
| **Natan la Saĝulo**. G. E. Lessing. | » | 17,— |
| **Sokrato**. Ch. Richet. *(Couteaux)* | » | 10,— |
| **Mazepa**. J. Slowacki. | » | 15,— |
| **Aventuroj**. Reitzel. | » | 7,65 |
| **Atta Troll**. Heine. *(Zanoni)* | » | 8,50 |
| **Elektitaj Poemoj**. Heine. *(F. Pillath)* | » | 4,25 |
| **Jane Eyre**. Charlotte Brontë. *(H. J. Bulthuis)* | » | 82,— |
| **Gysbrecht van Aemstel.** Joost van den Vondel. *(Ir. J. Isbrücker)* | » | 28,— |
| **Eŭgeno Onegin.** A. S. Puŝkin. *(N. V. Nekrasov)* | » | 25,50 |

**Kantoj -- Muziko:**

| | | |
|---|---|---|
| **La Espero**. de Ménil. | » | 2,50 |
| **La Espero**. de Ménil. *(poŝtkarto)* | » | 0,10 |
| **Internacia Kantaro**. P. Bennemann. Tekstaro | » | 12,50 |
| **Internacia Kantaro**. P. Bennemann. 139 kantoj el 55 landoj | » | 38,25 |
| **Kantaro Esperanta**. M. C. Butler. | » | 13,50 |
| **Koncerta Kantaro**. Brederode kaj Veldkamp. | » | 37,50 |
| **Esperanto**. Humora kanto. Hill. | » | 1,50 |

## ABONSERVO AL ESPERANTO-GAZETOJ:

**" Belga Esperantisto "**, monata revuo, 1 jaro Fr. 30,—
**" Esperanto "**, organo de U. E. A., monata revuo, 1 jaro » 40,—
**" Literatura Mondo "**, luksa monata revuo ilustrita, 1 jaro » 62,50
**" Heroldo de Esperanto "**, grandformata semajna gazeto, ĉiu n-ro » 2,—

## DIVERSAĴOJ:

**Gramofondisko:** « La Espero » — « Bild-ario », el Sorĉa Fluto » 35,—
**Poŝtkartoj ilustritaj kun Esperanto-teksto:** pri Antverpeno (3 serioj), Bruselo (3 serioj), Bruĝo (1), Gento (1), Kortrijk (1) po Fr. 1,50
**Krajonoj " Esperanto ":**
Ordinara: Fr. 1,25; Granda: Fr. 3,—; Giganta: Fr. 6,50.
**25 Poŝtkartoj pri la 7a Universala Kongreso en Antverpeno** » 2,50
**Poŝtkarto kun bela portreto de Zamenhof** » 1,40
**Poŝtkarto kun tombo de Zamenhof** » 0,50
**Belaj Sigelmarkoj " Esperanto-Lingvo Internacia ":**
Cent: Fr. 2,—; Kvincent: Fr. 9,50; Mil.: Fr. 19,—.
**Leterpapero** formato komerca aŭ privata; 20 folioj » 1,50
**Leterkovertoj** 20 ekzempleroj » 1,50
**Poŝtkartoj grandformataj** *(blankaj)* 10 ekzempleroj » 1,—
**Kolorita propagand-afiŝeto** (43x28 cm.) kun surpresota spaco. » 0,40
**Kaŭĉuka stampilo " Korespondo en Esperanto ":** » 3,50
**Letermalfermilo** kun bela Esperanto-stelo » 8,50
**Legosigno** kun bela Esperanto-stelo » 7,—
**Esperanto-Ŝlosiloj:** angla Fr. 0,75; dana Fr. 1,—; flandra *(presata)*; franca Fr. 0,35; germana Fr. 0,85; hispana Fr. 0,50; itala Fr. 0,75; juda Fr. 1,50; norvega Fr. 2,—; pola Fr. 2,—; romanĉa Fr. 1,40; rumana Fr. 1,25; sveda Fr. 1,—.

**Bronza medaljono: portreto Zamenhof.** *(Skulpt. Rik Sauter)* » 50,—

## INSIGNOJ:

| | | |
|---|---|---|
| N° 1 | Malgranda stelo sur pinglo | Fr. 2,— |
| N° 2 | Stelo sur pinglo, broĉo aŭ butono | » 2,25 |
| N° 3 | Stelo kun blanka rando kaj « E », pinglo, broĉo aŭ butono | » 2,50 |
| N° 4 | Stelo kun blanka rando, pinglo, broĉo aŭ butono | » 2,50 |
| N° 5 | Granda stelo kun « Esperanto », pinglo, broĉo aŭ butono | » 3,25 |
| N° 6 | Steleto sur kvinangula blanka fono, pinglo, broĉo aŭ butono | » 2,75 |
| N° 7 | Steleto sur ronda blanka fono, pinglo, broĉo aŭ butono | » 2,75 |
| N° 8 | Granda stelo sur ronda blanka fono, pinglo, broĉo aŭ butono | » 3,50 |
| N° 9 | Granda Stelo kun blanka rando, pinglo, broĉo aŭ butono | » 3,50 |
| N° 10 | Steleto kun orumitaj laŭroj, por universitatanoj | » 5,— |
| N° 11 | Malgranda stelo sur ronda blanka fono, pinglo | » 2,— |
| N° 12 | Esperanta flageto kun nacikolora flageto | » 10,50 |

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — " **La Verda Stelo** ". — La 9an de Januaro la membroj diskutis pri la temo « Por kaj kontraŭ Esperanto ». Tio donis okazon refuti la regule aperantajn kritikojn kontraŭ la ideo de internacia lingvo kaj kontraŭ Esperanto mem. La tuta vespero estis plej instrua precipe por la novaj samideanoj. — La 16an de Jan. okazis la disdono de diplomoj al la sukcesintaj lernintoj el la kurso de S-ro L. De Hondt : S-ro Gotper, kiu akiris 90 % de la poentoj, S-ro Sussman 80 %, F-ino Maria Bauwens kaj S-ro Van Hoof 70 %.

La 20an de Jan. komenciĝis kurso bone vizitata, kiun gvidas S-ro Fr. Schoofs, kaj la 23-24an okazis la jubileaj festoj de la grupo, pri kiuj aperis detala raporto en nia pasintmonata numero.

La laŭstatuta jarkunveno de la societo okazis la 30an de Jan. sub prezido de S-ro Fr. Schoofs, prezidanto de la Administrantaro. La ĉeestantoj aŭdis kaj aprobis unuanime la detalan raporton de S-ro A. Faes, Administranto kaj Sekretario de la direktanta Komitato, kaj la situacion financan laŭ bilanco prezentita de S-ro Edg. De Coster, Administranto-kasisto, pri kiu raportis la komisaroj, S-roj L. De Hondt kaj M. Bolsius. La prezidanto dankis pro la liverita laboro la raportintojn kaj ĉiujn membrojn de la Direktanta Komitato, kiuj plenumadis sian malfacilan taskon gvidatan de sia prezidanto, S-ro M. Jaumotte, bedaŭrinde malhelpata pro profesiaj devoj ĉeesti la kunsidon. Li ankaŭ dankis je lia propra nomo kaj en tiu de lia edzino ĉiujn organizintojn kaj partoprenintojn en la ĵus okazintaj jubileaj festoj pro la signoj de amikeco kaj simpatio elmontritaj al ili.

La februara monato komenciĝis per intima kunveno je la 6a ; sekvis la 13an plej interesa parolado de S-ro H. Boffejon pri la evoluo de la trafikiloj, parolado ilustrita per tre belaj kaj klaraj lumbildoj. La ĉeestantoj kun plezuro eksciis pri la intenco de S-ro Boffejon, prepari por ili duon da aliaj prelegoj pri similaj temoj. — La 20an la membroj de la grupo faris sian tradician viziton al la fama Antverpena Pulĉinela Kelo, kie ili pasigis plej amuzan vesperon. — La 27an, okazis en la vendejo de G-roj Faes agrabla muzikvespero. Ĉe l'komenco, S-ro Faes legis leteron de S-ro Jaumotte, laŭ kiu, la direktanta komitato, je lia peto, elektis S-rojn De Ketelaere kaj Boffejon, kiel vicprezidantojn. La nomoj de la du novaj vicprezidantoj estis multe aplaŭditaj. Post la koncerto, S-ro De Ketelaere dankis S-ron Faes pro la bela muziko kaj pro la gratulvortoj al la du novaj gvidantoj. Li certigis, ke li, kiam necese, anstataŭos S-ron Jaumotte kaj plenumos sian novan taskon kun zorgo kaj amo.

**Antverpena Polica Grupo Esperantista**, — La 26an de Februaro la grupo kunvenis en la « Politiehuis ». — Multaj membroj ĉeestis. Antaŭ ol komenci la tagordon, S-ro Van der Auwera, Sekretario, legis la telegramon senditan al S-ro Derweduwen, Prezidanto, okaze de lia promocio kiel Polica Komisaro. Li ankaŭ legis la afablan respondon de la Prezidanto. La grupo dankas lin pro la granda, morala helpo kiun li donas al A. P. G. E. ĉeestante la kunvenon. La kunveno vigle aplaŭdas.

La Prezidanto dankas S-ron Jozef Dreyepondt, kasisto, pro la bonaj servoj

kiujn li faris al nia movado jam de 1911. S-ro Dreyepondt estas pioniro de la unua horo. Li baldaŭ estos pensiata. La grupo tre bedaŭras lian foriron.

La nove elektita kasisto estas S-ro Jos. Scheipers, juna sed bona samideano.

La kunveno finiĝis en la plej bona atmosfero.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — La aktiveco de la grupo konstante pligrandiĝas. La membroj frue pagis la kotizon kaj per tio akiris la valoran kaj utilan premion, de la Ligo. La kurso gvidata de nia prezidanto estas vere interesplena kaj la gekursanoj regule ĝin ĉeestas. — Iom post iom nia biblioteko pliriĉiĝas; dank'al la bonaj grupaj financoj, kaj por plifaciligi la laboron de la bibliotekisto, S-ro Simoens, la estraro decidis akiri novan libroŝrankon. — En Februaro ni havis du tre ŝatitajn kantvesperojn; la kanonokanto: « Muziko, bela art' », kiun instruis S-ro De Kegel, multe plaĉis; la zumzumado kaj la gimnastiko, kiuj akompanas la kantadon tre amuzis la membrojn. — La 18an de Februaro D-ro Kempeneers, vicprezidanto de B.L.E. paroladis kun lumbildoj pri la Ligo de Nacioj. La tondra aplaŭdo, per kiu respondis la aŭdintaro, komprenigis la parolinton, kiom li estas ŝatata en nia grupo; ĉiuj ĝojis, kiam li post la dankesprimo de la prezidanto, S-ro Kapitano Van Wanseele, deklaris, ke li revenos en nia mezo, laŭdezire.

BRUGO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista "**. — Mardon 19an de Januaro la grupanoj kunvenis. — Diversaj komunikaĵoj faritaj de F-ino Thooris, inter aliaj pri la 25a Jubileo de la Antverpena Grupo « La Verda Stelo ». — Tiam la parolvico estis donita al S-ro Fernand Roose, kiu paroladis pri « Tutabstinencula Movado ». — Post tiu interesa kaj aplaŭdita parolado sekvis ĝenerala pridiskuto. — Nia juna paroladisto respondis ankoraŭ kun bela certeco kelkajn demandojn kaj kontraŭdirojn de la membroj. — Kelkaj humoraĵoj de S-ro Guillaume plenigis la vesperon.

Mardon 26an de Januaro: Ĝenerala kunveno kun la kutimaj raportoj, post kiuj F-ino Thooris anoncis la eksiĝon de S-ino A. Stroobandt-Victoor, kiel helpa sekretariino. F-ino Yolande Hubrecht estis elektata por ŝin anstataŭi. — La kunveno ankoraŭ aprobis organizon de kongresa ŝparkaso kaj reorganizon de la biblioteko kaj sciigis pri kelkaj unuaj proponoj por nia Tridekjara Jubileo en Oktobro 1932.

BRUSELO. — **Esperantista Brusela Grupo.** — La 1an de Februaro, F-ino Obozinski faris paroladon pri la Agado de la belgaj societoj kun pacifismaj tendencoj. — La 8an okazis amuza vespero. S-ro Kempeneers legis proverbojn en Esperanta lingvo kaj petis la membrojn, ke ili trovu la korespondajn proverbojn en aliaj lingvoj. — La 15an S-ro Castel faris interesan paroladon pri « Usonaj sekretaj societoj ». — La 22an okazis ĝenerala kunsido kaj la 29an parolado de S-ro Hart « Pri Hago ».

## REKOMENDATAJ HOTELOJ

ANTVERPENO:
**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel.: 373.21.
**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel.: 267.15.
**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel.: 353.81.
**Roi Albert, Place** de la Gare, 44. Tel.: 217.60.

BRUSELO:
**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel.: 12.62.25.
**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel.: 12.69.23 & 11.08.44.
**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.
**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.
**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel.: 17.00.94.

GENTO:
**Hôtel de lYser,** 65 Flandra strato. Tel.: 110.91.
**Hôtel Terminus,** Placo Marie Henriette. Tel. 110.45.

NINOVE:
**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel.: 19.

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al Gesinjoroj **Georges Cormont**, el Bruselo, al kiuj naskiĝis filineto, Huguette, en Januaro.

Al Ges-roj **A. E. Van Beughem-Van der Haegen**, el Gento, membro de « La Verda Stelo » al kiuj naskiĝis dua infaneto, filo Walter, la 12an de Februaro.

Al S-ro **Julio Derweduwen**, membro de « La Verda Stelo » kaj prezidanto de la « Antverpena Polica Grupo Esperantista », kiu estis nomita Komisaro de Polico en Antverpeno.

Al Ges-roj **Stroobrandt-Victoor**, el Bruĝo, al kiuj naskiĝis filineto, Christiane, la 24an de Januaro.

Al F-ino **C. Lonneville**, el Bruĝo, kiu edziniĝis la 26an de Januaro kun S-ro Marinus.

Al Ges-roj **Albert Verbeke**, el Bruĝo, al kiuj naskiĝis filineto Marie-Thérèse, la 11an de Februaro.

## NEKROLOGO

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn al Ges-roj **Jos. Groesser**, el Antverpeno, kaj ilia familio pro la perdo de ilia dekdu-jara nepeto, kiu mortis akcidente en la komenco de Februaro.

La 25an de Januaro mortis en Bruĝo S-ino **Carpentier**, patrino de membrino F-ino Rachel Carpentier; F-ino **M. A. Haazen**, membrino.

La 23an de Februaro mortis aĝa je 83 jaroj, S-ino V-ino **Maria Latinne-Stock**, avino de F-ino Germaine Latinne, membrino de « La Verda Stelo » en Antverpeno.

Ni prezentas al la funebrantaj familioj nian plej koran kondolencon.

Ges-roj Frans Schoofs-Van den Putte sincere dankas pro la ricevitaj atestoj de kunsento kaj simpatio okaze de la morto de ilia bofrato kaj frato, S-ro **Henri Van den Putte**, okazinta la 14an de Februaro.

---

# GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **“ La Verda Stelo ”**. — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France : ĉiu-sabate, 21 h. — Kantlernado de 20-21 h. en la sekretariejo : Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers.

5 Marto : Karnaval-Balo en salono « Patria », Lange Leemstr., 122, Longue rue d'Argile. Je la 20a horo.

10 Marto : 20 h. en urba instruejo Belgiëlei 99, malfermo de nova kurso por komencantoj.

12 Marto : Ĝenerala monata kunveno.

19 Marto : Parolado de S-ro E. De Coster pri Luksemburgo (kun lumbildoj).

26 Marto : Parolado de S-ro W. De Schutter pri Gœthe.

2 Aprilo : Gramofonkoncerto, Schoenmarkt 16/1.

7Aprilo : 20 h. en la sekretariejo, Schoenmarkt 16/1, malfermo de nova kurso.

9 Aprilo : Ĝenerala monata kunveno.

16 Aprilo : Parolado de S-ro H. Boffejon pri la « Evoluo de la Trafikiloj » (kun lumbildoj.)

23 Aprilo : Diskutvespero pri « Starigo de internacia armeo ».

30 Aprilo : Intima kunsido kaj kantlernado.

BRUSELO. — **“ Esperantista Brusela Grupo ”.** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

7 Marto : S-ino Staes, F-inoj Lacourt, La Haye, S-roj Castel, Debel, Kempeneers, Lavisse kaj Swinne legos « L'Héritage Klodarec ».

14 Marto : Parolado ĉe PHILIPS. Temoj : 1e Nuna stato de la Radiofonio ; 2e La parolantaj filmoj, kun elmontro de tia filmo.

21 Marto : Ĝenerala kunsido. Propagandaj rimedoj. Poste, amuza vespero : disdono de surprizoj.

28 Marto : Parolado de S-ro Kempeneers : Esperanto kaj Societo de Nacioj. Poste : parolata ĵurnalo.

4 Aprilo : Parolado de S-ro Castel : *Mateo Falcone*.

11 Aprilo : Legado de *La Paco hejme*. Poste : parolata ĵurnalo.

BRUĜO. — **“ Bruĝa Grupo Esperantista ”.** — Kunvenejo : « Oud Brugge » ; ĉiumarde, 20 h.

8 Marto : Humora Vespero. Prez. : S-ro G. E. Guillaume. (ĉiu preparu rakontaĵon aŭ ludeton.)

15 Marto : Dikto kaj interdiskutado pri la teksto. Prez. F-ino Y. Thooris.

22 Marto : Parolado de S-ro Joseph De Coster. Prez. : S-ino Algrain. (Subjekto ankoraŭ elektota.)

29 Marto : Korespona vespero kun eksterlandanoj. Prez. : S-ro Ch. Poupeye.

Ĉiuvendrede je la 20a h. en la sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », la 4, 11, 18 kaj 25 de Marto : Lecionoj de la kurso por komencantoj ; profesoro S-ro Ch. Poupeye.

RONSO. — **“ La Paca Stelo ”.**

2 Marto : Kantvespero.

9 Marto : Daŭrigo de la tradukado de « Kiel la Flandroj rakontas ».

16 Marto : Komerca vespero.

23 Marto : Daŭrigo de la tradukado de « Kiel la Flandroj rakontas ».

# FAKTOJ PRI LA PROGRESADO DE ESPERANTO

*Kompilitaj de la Internacia Gazetara Komisiono, komisiita de ICK.*

KOELN (Novembro). — Okaze de la nova radiokurso de Esperanto de la stacio Langenberg estas vendataj, dum du semajnoj, du mil ekzempleroj de germana lernolibro.

PRAHA (Novembro). — Per dekreto datita de la 26-a de Oktobro, la ĉeĥoslovaka Ministro de Poŝtoj kaj Telegrafoj rajtigas la uzon de Esperanto por la radio-amatoraj dissendoj, ĉar oni devas ĝin konsideri lingvo klara.

PRAHA (Decembro). — Ĉe nove kreita germana sekcio en Ekzamena Komisiono por popolaj kaj burĝaj lernejoj en Bratislava, la Ministro de Publika Instruado ankaŭ nomas ekzamenanton por Esperanto. La nova ekzamenanto estas D-ro Stan Kamaryt, profesoro de reallernejo en Bratislava. Ĉe sekcioj por ĉeĥoslovak- kaj hungar-lingvanoj funkcias tiaj ekzamenantoj jam de pluraj jaroj.

CAGNES S/M. (Decembro). — La ekzemplon de uzo de Esperanto por la trafiksignalado donitan de Cannes (Francujo) sekvas ĉarma urbeto Cagnes-sur-Mer, kuŝanta sur la Lazura Marbordo inter Cannes kaj Nice, kie loĝas aŭ kien venas labori ĉiulandaj pentristoj. Oni starigas la unuajn indikfostojn : « Halto por Aŭtobusoj ». Aliaj sekvos. La urbestraro ankaŭ intencas nomi laŭ Zamenhof unu straton de la urbo.

NICO (Decembro). — La Radio-Stacio « Nice-Cannes-Juan-les-Pins » enkondukas, la 11-an de Decembro, Esperanton en siajn dissendojn. La disaŭdigojn por-Esperantajn kaj baldaŭ en Esperanto gvidas Georges Avril, konata sudfranca ĵurnalisto kaj verkisto.

MADRIDO (Decembro). — La Ministro de Publika Instruado de Hispanujo promesas, ke la budĝeto de la Ministerio enhavos sumon de 50.000 pesetoj, kiel subvencion al la Hispana Esperanto-Instituto por starigi liberajn katedrojn pagatajn de Esperanto en 14 grandaj urboj de la Respubliko.

ATENO (Decembro). — Per denova oficiala cirkulero la Ministro de Publika Instruado rekomendas al la ĝeneralaj inspektoroj de lernejoj faciligi instruadon de Esperanto en la lernejo « pro la graveco, kiun ĉiutage akiras en la civilizita mondo la internacia lingvo Esperanto ».

LONDONO (Decembro). — La fama teknika revuo « The Optician » publikigas raporton pri kunsido de « Societo de anglaj okulistoj » en kiu estis fondata Grupo de esperantistaj okulistoj, kies celo estas disvastigi la uzon de Esperanto en tiu ĉi fako.

# BONHUMORO

NEEBLE. — Sinjoro, rapidu, via edzino tranĉis al si fingron!
— Ne estas tiom grave, ĉu ne?
— Venu tuj, ŝi naĝas en sia sango!
— Ŝerculo, ŝi ne kapablas naĝi!

DEPENDAS. — *La onklino.* — Se panjo donus al vi grandan pomon kaj malgrandan pomon, kiun vi donus al via frato?
*Manjo.* — Kiu frato? La granda aŭ la malgranda?

DEZIRO. — *La kuracisto.* — Kiam via edzino febras kaj kiam vi volas konstati ŝian temperaturon, metu la termometron sub ŝian langon kaj diru, ke ŝi tenu la buŝon fermita dum du minutoj.
*S-ro Binks.* — Ĉu vi ne havas termometron, kiu funkcias iom pli malrapide?

KONSULTADO. — Diru al mi, Sinjoro Advokato, ĉu domposedanto rajtas interveni kiam iu edzino insultas sian edzon ĉiuvespere kaj tiel ĝenas la najbarojn?
— Mi kredas, ke jes. Ĉu vi estas unu el la najbaroj?
— Ne, mi estas la edzo!

REVO. — Lastan nokton mi havis teruran sonĝon: Mi sonĝis, ke mia bopatrino havos cent jarojn.

MALFACILA PROBLEMO. — Kamparano, kies edzino estas tre malsana venigas kuraciston:
— Doktoro, li diras, jen 500 fr., ke vi mortigu aŭ resanigu mian edzinon, ili estos por vi.
La malsanulino mortis kaj la kuracisto venis por enspezi la kvincent frankojn.
— Mi estas preta, diris la vidvo, plenumi mian promeson; sed permesu al mi du demandojn:
— Ĉu vi mortigis mian edzinon?
— Kion vi pensas?
— Des pli bone. Ĉu vi resanigis ŝin?
— Bedaŭrinde, ne!
— Do, laŭ nia interkonsento mi nenion ŝuldas al vi.

ĈIO HAVAS SIAN TAGON. — Rozalio, kial vi ne purigis miajn juvelojn hieraŭ?
— Sinjorino bone scias, ke hodiaŭ mi prilaboras la kupraĵojn.

EN LA ĜARDENO. — Ĉu vi ne metas birdotimigilojn?
— Ne. Estas senutile; mia edzo kaj mi mem ĉiam estas tie ĉi.

NE PLU ESTAS INFANOJ. — Diru, Karolo, kial vi batis vian fratinon.
— Patrino, ni ludis « geedzoj », kaj mi estis la edzo.

AL NIGRA SERVISTINO. — Ĉu vi ŝatas la infanojn?
— Tre, Sinjorino, mi manĝis ilin kiam mi estis juna.

# ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**
*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*
**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Jaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉian duan Mk: 2.Mk; neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Breslau: V; Freiburg: 2.Mk; Gleiwitz: V; Graz: J; Huizen: 2.S; Harkov: n.; Kaunas: J; Innsbrück: J; Klagenfurt: J; Le Havre: 2.V; Leningrad: 2-9-12-19-22 kaj 29 ĉiumonate; Lille P.T.T. Nord: D; Limoges: n; Linz: J; Lyon-la-Doua: S; Minsk: n; Moskvo: 8, 18, 28 ĉiumonate; Motala: 4.D; Salzburg: J; Stockholm kaj relajsoj: 4.D; Strasburgo: n; Stuttgart: 2.Mk; Tallinn: M; Tartu: M; Wien: J; Zagreb: 2.S. Bratislava: n.; Helsingborg: 2.D; Radio-Côte-d'Azur: V; Lisbono: V.; Ljubljano: D; Zagrebo: 2.S.

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S; Freiburg: V; Heilsberg: S; Königsberg: S; Stuttgart: V.

**Esperanto-kursoj per Radio:** Aachen: D; Dresden: D; Geneve: J; Harkov: n; Huizen: S; Köln: D; Langenberg: D; Le Havre: 2.V; Leipzig: D; Lille P.T.T. Nord: D; Münster: D; Paris P.T.T.: J; Hilversum: D; Lausanne: J; Sottens: J; Radio-Côte d'Azur: V.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**

# DIVERSAJ INFORMOJ

La PROKSIMA KAJERO DE NIA REVUO (Aprilo-Majo) aperos je 20a de Aprilo.

La ESPERANTO-CENTRO ITALA, Galleria V.E., 92, Milano, eldonas de la 15a de Januaro pasinta dusemajnan kvarpaĝan informan gazeton « L'ESPERANTO» grandformatan, kiu anstataŭas la ĝis nun aperintan « Rivista Italiana di Esperanto », eldonitan de la firmo A. Paolet, el S. Vito. La nova gazeto estas grandparte redaktita en itala lingvo.

La gazeto « LE SOIR » publikigis la 27an de Januaro interesan intervjuon kun S-ro Jos. Scherer, kies portreton ĝi samtempe aperigis.

ALIA INTERVJUO kun S-ro Scherer okazis la 25an de Januaro dum la « Parolata Gazeto » de la Nacia Instituto de Radiofonio, franclingva stacio. La flandralingva stacio samtempe sciigis la viziton de nia amerika amiko al Antverpeno kaj Bruselo.

LA REVUE STENOGRAPHIQUE BELGE sciigas, ke nia franca samideano Flageul dissendis demandaron al ĉiuj stenografiistoj Esperantistaj, kun la celo prepari historion pri la Esperanto-stenografio.

Tiu sama revuo informas ankaŭ siajn legantojn, ke okaze de la 24a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Parizo, estos organizataj ekspozicio kaj konkurso de Esperanta Stenografio.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*PROJEKTO KAJ OPINIOJ PRI LA DOMO DE HOMAMO. — Eldono de Oomoto Internacia Esperanta Jurnalo, 1 rue Félix Faure, Paris XVe, Francujo. 14 Paĝ. 13x18 cm. Prezo 1 internacia respondkupono.*

Tiu skribmaŝine tre legeble multobligita broŝuro klarigas la planon kaj signifon de la « Domo de Homamo » kiun iniciatas Oomoto-Movado. Tiu Domo por kies realigo la broŝuro petas mondonacon estus konstruota en la Centra parto de Eŭropo. Ĝi estus komuna preĝejo, internacia kunvenejo kie okazos paroladoj, prezentadoj teatraj kaj filmaj k.c. Ĝi estus entute aranĝita kaj administrata per Esperanto.

*LA KAŬZO KAJ LA DEVO de Arvids Kurmis. — Eldonejo Scienco kaj Vivo. Riga. 15 Paĝ. 10x14 cm. Prezo 4 Usonaj cendoj.*

*SECURITE ECONOMIQUE DE L'INDIVIDU par C. de W. — Essai d'économie politique basé sur la Théorie du Crédit Social exposée dans les œuvres du Major C. H. Douglas et dans la revue « The New Age ». Eldonis C. de W. 28 Avenue Rubens, Anvers, Belgique. 64 Paĝ. 14x22. Prezo Fr. 5,—.*

Ekonomia Sekureco de l'Individuo. Interesa franclingva klarigo de la novaj ekonomiaj teorioj pri la « Socia Kredito » kiu celas kontraŭbatali la modernan tendencon al la sklaviĝo de l'individuo tute egale ĉu en proleta sovjeta ŝtato, ĉu en la ceteraj trust-kapitalistaj ŝtatoj. La aŭtoro, kiu estas Esperantisto, certe pripensos konigi tiun teorion en pli vasta rondo, eldonante sian libreton en Esperanto.

*STREĈITA KORDO. — Originalaj poemoj de K. Kalocsay. 189 Paĝoj. 13,5x19,5 cm. 1931. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Prezo Broŝ. P. 3.40; bind. P. 5.—.*

Kiu antaŭe konatiĝis kun la poezio de Kalocsay, tiu scias ke li havos, legante ĉi tiun libreton, delikatan ĝuon.

*KLJUČ ESPERANTA. — Kroata (serb-kroata) eldono de la Ŝlosilo, eldonita laŭ la normoj de Internacia Centra Komitato. 40 Paĝoj 11 1/2x7 1/2 cm. Prezo: 2 Din. Eldonis: Jugoslava Esperanto-Servo (Primorska 11), Zagreb.*

*IXa TUTSOKOLA KONGRESO EN PRAHA. — Junio-Julio 1932. Bele ilustrita prospekto zorge eldonita. Faldfolio 12-paĝa 21x10 cm. Havebla de S-ro R. Bloch, Praha-Smichov 1364, Ĉeĥoslovakujo.*

*AKTUARA VORTARO Esperanto-Germana-Angla-Franca. — Aparta presaĵo el « Bulletin du Comité Permanent », 1929, n-ro 29. 20 Paĝoj 24x16 cm. Presejo: Etablissements Emile Bruylant, Bruselo.*

*LA GAZETO DE LA XXIVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. — Unua Numero. — Januaro 1932. Adreso: La Maison de France, 101, Av. des Champs-Elysées, Parizo-VIIIe. 16 Paĝoj 26x19 1/2 cm.*

La unua numero de la anoncita kongresgazeto estas dissendita al ĝis nun enskribitaj kongresanoj. Krom la oficialaj komunikoj pri la kongreso kaj la nomaro de la paĝintaj aliĝintoj, la gazeto enhavas interesajn kaj amuzajn artikolojn pri la kongresurbo kaj pri la movado. Pri la taŭgeco de la prezentita kaj eldonota materialo garantias la nomo de la ĉefredaktoro Raymond Schwarz. Aliĝu tuj al la kongreso por ke certe ne manku al vi unu numeron de la kongresgazeto!

*MINACO AL MONDPACO. — Kial Japanujo invadis la ĥinan teritorion de Manĉurio? Broŝuro 56-paĝa 19x13 cm. Eldonita 1932 de La Komitato por Internaciaj Rilatoj, N-ro 5 Mao-tan Strato, Nanking, Ĥinujo, ĉe kiu adreso la libreto estas havebla senpage.*

---

**Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.**

 *NOTU LA DATOJN!!* 

**14-16 Majo 1932:** 21a Belga Esperanto-Kongreso en ANTVERPENO

**30 Julio — 6 Aŭgusto 1932:** 24a Universala Esperanto-Kongreso en PARIZO.

 *Faciligu la taskon de la organizantoj: Aliĝu frue!* 